# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

*http://itranslate4.eu/*

**PLENUMITA 18/2/2016 Ducentkvindeksepa eldono 18/02/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**SENDATA AL 315** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**„Aŭstraliaj Esperantistoj" korektitaj atingeblas je la suba adreso**

Ctrl+klaku la veran ligilon) http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

Estas pli ol **295,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Esperanto Pocket Textbook




### Propagandila kaj Fontindika Libreto.

Klariga paĝo. *http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo*

La sin kunmetota papera libreto. *http://aea.esperanto.org.au/ftp-uploads/esperanto-printable-pocket-textbook-20160205.pdf*

La 32 paĝoj de la ekrana libreto. *http://aea.esperanto.org.au/ftp-uploads/esperanto-pocket-textbook-20160205.pdf*

★*PDF de la libreto por profesia presilego estas senpage havebla ĉe rogerspringer@tpg.com.au*

★★★ Estimata Roger Springer

Kia koincido! Nur hodiaŭ mi vizitis tiun paĝon de kie elŝuteblas via 'ŝlosilo' por esplori kiel ni klubanoj en la universitato Azim Premji povas rapide multobligi kelkcent da ekzempleroj por multlingva festivalo universitata.

Kaj jen, tri horojn poste, retmesaĝon samteman de vi mi vidis!
Pakistana amiko Prof Saeed Ahmed disdonis dekojn da ekzempleroj dum la Sud-Azia Seminario en Kolombo en novembro 2015.



*Giridhar Rao*

Mi raportos poste pri nia agado.
Amike salutas Giri RAO Bengaluro, Barato. http://www.ipernity.com/blog/giridhar

★★★ Kara Roger Springer,

Multan dankon pro via daŭra sendado de la "Aŭstraliaj Esperantistoj" kaj aparte hodiaŭ pro la "key booklet", kiu estas tre interesa aliro al la informado pri Esperanto.

Ĉion bonan, samideane kaj sincere

Harald Schmitz, Pulheim (apud Kolonjo), Germanio

★★★Roger,

Mi dankas vin por viaj retmesaĝoj de Australiaj Esperantistoj. Ili briligas miajn tagojn. Amike, Mike Carney, Adelajdo.

# POST KVIN JAROJ Daŭros nia persistado je ERR

http://esperantaretradio.blogspot.co.at/2016/02/dauros-nia-persistado.html?view=magazine

Fine de Februaro la Esperanta Retradio jubileos: Pasis jam kvin jaroj dum kiuj la ERR ĉiutage prezentis sonmaterialojn kaj tekstojn por akompana legado.



Kvin jaroj estas eĉ en la tradiciema Esperantujo jam signife longa tempo por influi sitenojn kaj kondutojn de E-parolantoj. La ĉiutaga dozo da Esperanto parolata kreis novajn faktojn kaj tiuj novaj faktoj ŝanĝas la konscion pri la lingvo: Esperanto ja estas multe pli ol helplingvo por eternaj komencantoj. Tio esprimiĝas per la agado de la diversaj retradioj inter kiuj la ERR certe okupas elstaran pozicion. http://esperantaretradio.blogspot.co.at/2016/02/dauros-nia-persistado.html?view=magazine La utilo de la lingvo ja montriĝas unuavice en ĝia altnivela aplikado, do ne en simplaj konversacioj pri ĉiutagaĵoj, sed en enhavoj kiuj postulas skriban formon: en raportoj, rakontoj, instrumaterialoj, artikoloj ktp. Tamen por enplanti la lingvon en la cerbojn de la koncernaj homoj kaj kreskigi ĝin tie, necesas ankaŭ aŭdigi

tiajn enhavojn. **Sen altnivela parolado, do almenaŭ laŭtlegado, la lingvo ne povas kreski.** Lingvo enplantiĝas en la cerbo en sia parola formo, la skriba formo tiucele povas esti nur subtena (se la skriba formo funkcias laŭ la principo unu litero = unu sono). La logika konsekvenco el tio estas ke por akceli la disvastiĝon de nia lingvo en la mondo necesas aŭdigi ĝin al pli kaj pli da homoj en la tuta mondo. La parolantoj havu plej diversajn lingvajn fonojn kaj la temoj estu taŭgaj kaj interesaj por homoj de hodiaŭ.

http://esperantaretradio.blogspot.co.at/2016/02/dauros-nia-persistado.html?view=magazine

Kiel la nun kvinjara funkciado de la ERR montras, tio ne nur estas pia deziro, sed realaĵo kiu kreiĝas ĉiutage helpe de pluraj esperantistoj el diversaj kontinentoj. La vojo ja estas ŝtona, sed ne ĉefe pro teknikaj problemoj, sed pro la malemo de multaj E-aktivuloj rekoni tiun neceson pri pli da publikcela parolado en nia lingvo kaj agi laŭ tiu neceso. Al ili mi volas diri: Ne la politikumado pri Esperanto antaŭen igas nian aferon, sed la lingva laboro, tio estas tradukado, verkado, parolado kaj la teknika prizorgado de la disvastigado de materialoj en la interreto. http://esperantaretradio.blogspot.co.at/2016/02/dauros-nia-persistado.html?view=magazine Neniu devas esti perfekta: Per kunlaboro de pluraj homoj eblas krei ion taŭgan kaj valoran. **Bona ekzemplo por tio estas la aŭstralia Radio 3 ZZZ el Melburno.** Tie esperantistoj kunlaboras je loka nivelo. Sed bonŝance ankaŭ eblas kunlabori je monda nivelo kion pruvas la funkciado de la ERR. Nur la cenzura ŝirmado de Ĉinio efike malebligas la kunlaboron kun esperantistoj en Ĉinujo. En Brazilo estas pluraj aktivuloj kiuj prezentas sondosierojn en Esperanto en la interreto. En Eŭropo aliflanke estas forte ŝtoniĝintaj strukturoj, apenaŭ iu volas moviĝi direkte al pli moderna konscio kaj konduto koncerne la laboron por Esperanto. Tie necesos pluaj jaroj por iom post iom konvinki la E-aktivulojn ke per teoriumado kaj politikumado progreso por nia afero ne aperos.

http://esperantaretradio.blogspot.co.at/2016/02/dauros-nia-persistado.html?view=magazine

Sed la persisto rentumas. La kunlaboro en la RetRadio feliĉigas ĝiajn kunlaborantojn kaj samtempe tie Esperanto prezentiĝas kiel moderna kaj altnivela rimedo de esprimo. La persistado tial daŭros.

http://esperantaretradio.blogspot.co.at/2016/02/dauros-nia-persistado.html?view=magazine

# Estontaj kompetentaj Esperantistoj



## aŭskultas la retradion (Esperantujo) ĉiun tagon

http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj tage Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu

# 110. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Aldono al n.ro 96. (Prepozicio aŭ Akuzativo?)

Notu ke prepoziciaĵo plurkaze ŝanĝiĝas prefere en adverbon, ekzemple "Ni manĝis ekster la domo" al "Ni manĝis ekstere" anstataŭ "Ni ekstermanĝis la domon". Tiaj plimallongiĝoj el prepozitivoj en Esperanto ofte uzatas adjektive, kiel en "Ni manĝis ekster la domo" al "Ni manĝis ekstere" al "Nia ekstera manĝado".

Aliflanke ni ofte ŝanĝas la el prepozitivo venantan adverbon al adjektivo, kiel en "Ni manĝis ekster la domo" al "Ni manĝis eksterdome" la "Nia eksterdoma manĝado". Jen kelkaj aliaj ekzemploj: La subakva ŝipo; La dumvintraj temperaturoj; La surmonta flago; La postfesta purigado; La prideficita diskutado; La internacia lingvo. Ili estas popularaj en Esperanto, sed apenaŭ uzatas en etnaj lingvoj.

Marcel Leereveld.

# Plioftiĝas la kazoj de zik-viruso en Latin-Ameriko kaj Karibio

## Ĉu Vi scias ion prie? http://goo.gl/OOyi0k

Fakte tiu gravega problemo postulas tujan, intensan mobilizadon de la tuta mondo. Kunlabore kun la internacia scienca komunumo, kiu studas fortan kunligon inter Zik-viruso kaj eksplodo de kazoj de mikrocefalio en Brazilo, LBV-retejo aperigas informan raporton pri tiu temo.

Bonvole diskonigu ĝin al viaj geamikoj kaj E-komunumo. Via partopreno en tiu mobilizado certe fariĝos grava kaj altvalora helpo!

*Amike kaj bondezire salutas Felipe Duarte Esperanto-fako de Legio de Bona Volo Brazilo*

**LERNU LA DIFERENCOJN INTER LA VIRUSOJ DE ZIKO, DENGO KAJ ĈIKUNGUNJO** ( Klaku http://goo.gl/OOyi0k )



La moskito *Aedes aegypti* ankaŭ transigas la virusojn de dengo kaj ĉikungunjo. Ĉar la simptomaro de la tri malsanoj ofte similas, lernu nun la simptomojn de ĉiu el ili:

**Dengo** — kapturno, doloro malantaŭ la okuloj, ruĝaj makuloj, naŭzo kaj vomoj, artikdoloro, malgrasiĝo, malforteco, alta febro, sangado el la nazo kaj gingivoj,

kapdoloro.

**Ĉikungunjo —** Intensaj doloroj en la artikoj de la piedoj kaj manoj, kapdoloro, ruĝaj makuloj, muskoldoloro, alta febro.

**Ziko —** Dorsdoloro, ruĝaj okuloj, kapdoloro, haŭtaj difektiĝoj kun blankaj kaj ruĝaj makuloj, malalta febro, artikdoloro, muskoldoloro.

# Li kuras antaŭe, do antaŭ grupo de homoj, ĉar li volas alveni malposte, do plej frue.

La franca kaj la angla, inter aliaj, havas malsamajn prepoziciojn por la loka kaj por la tempa rektlinia pozicio. **Jen ili estas:**



| **Loka** | | **Tempa** | |
|---|---|---|---|
| devant | in front of | avant | before |
| derri'ere | behind | apr'es | after |

Tio estas logika, kaj Esperanto devas havi same logikan sistemon kun kvar malsamaj prepozicioj. Ĝi kapablas, ĉar ĝi posedas la vortojn antaŭ kaj malantaŭ kaj post kaj malpost. Sed, pro Zamenhof, la Esperantistoj mallogikigis ĉi tiun sistemon, kaj praktike kreis nur tri prepoziciojn, nome post kaj antaŭ kaj malantaŭ. Estas nun tempo por korekti ĉi tiun mallogikaĵon kaj alkutimiĝi al sistemo almenaŭ same logika kiel tiu de etnaj lingvoj. En sia Lingvaj Respondoj Zamenhof defendis dek-unu fojojn la nocion "logiko" kaj nur unu fojon la nocion "nelogiko" por sia lingvo Esperanto. **Jen la ebleco:**

| **Loka** | **Tempa** |
|---|---|
| a n t a ŭ | m a l p o s t |
| m a l a n t a ŭ | p o s t |

Plena Analiza Gramatiko juĝas en paragrafo 120, ke tia alkutimiĝo estus tro malfacila por la Esperantistaro, ĉar ĝi kutimas al tri prepozicioj. Sed mi juĝas ke, se oni volas, estas same facila kiel lerni unu novan vorton.

Mi do komencas nun uzi la logikan sistemon kaj sendube baldaŭ alkutimiĝos. Provu ankaŭ vi, por povi nomi Esperanton logika lingvo. Jen ekzemplo: Ĉu cia aŭto staras antaŭ la preĝejo? Ne, ĝi staras malantaŭ la preĝejo. Ĉu ni butikumos post la preĝservo? Ne, ni butikumos malpost la preĝservo. Ŝajnas al mi stulteta havi la vorton "malpost" kaj ne uzi ĝin.

Cetere "malpost" estas laŭ-Fundament'eca vorto, ĉar KAJ "post" KAJ "mal" estas oficialaj radikoj.

Marcel Leereveld.



# La Melburna Esperanto-Klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm



ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.

"Pasintan lundon la Melburna Esperanto klubanoj bonvenigis malnovan membron, Ben Van Poppe, kiu lernis Esperanton antaŭ 15 jaroj. La cxeestantoj estis Marcel, Jennifer, Esther, Tristan, Joanne, Peter, Heather, Ken, Karlo, James kaj Ben.

**ANONCO**

La jarkunveno de la Melburna Esperanto Asocio okazos 7a de Marto je la 7a ptm. Ni vespermanĝetos post la kunveno.

Heather Heldzingen

***700 jaroj post la fama Marko Polo, konatiĝu kun la franca esperantista paro kiu trakuris la mondon dum 8 jaroj ! Jam la 7ª eldono en la franca lingvo kaj la 2ªen esperanto.***

Ni proponas al vi nian libron “Ok jaroj ĉirkaù la mondo” por via libroservo.

Ni mondvojaĝis plejparte petveturante laù tute unika maniero. Por vere konatiĝi kun la homoj, ni laboris kun familioj plej ofte kamparanaj, kaj ricevis interŝanĝe manĝaĵon kaj dormlokon. Ni do spertis la ĉiutagan vivon de ordinaraj homoj kaj profundiĝis en la lokajn kulturojn. Ni partoprenis geedziĝfestojn aŭ religiajn ceremoniojn... Manĝante same kiel la lokuloj, mi eĉ maldikiĝis pli ol 20 kilogramoj en Hindio. Ni rakontas la veran ĉiutagecon de granda parto de la homaro.

La okjara vojaĝo riĉiĝis kompreneble pro la uzo de Esperanto. Krome ĝi finiĝis per adopto de nia unua filo. Tute unika humaneca aventuro.

Okaze de la universala kongreso en Lille ni reeldonigis tiun libron kiu antaùe aperis sub la titolo : “Ili vivis sur la tero, ok jaroj da migrado ĉirkaŭ nia planedo ». La nuntempa eldono havas la saman enhavon sed enestas 46 koloraj fotoj anstataù 14 por la unua eldono.




Praktikaj informoj :

243 Paĝoj 46 Fotoj

Aperis en la revuo Esperanto 1296 UEA Novembro 2015 en “Laste aperis”

La publika vendoprezo estas 20 € .

Mi proponas 30 % da rabato por librovendejoj.

Pagmaniero : banka ĝiro aù sur nia UEA konto : brro-c

Libro nemalhavebla por esperantistoj kiuj deziras sperti nekutiman vojaĝon kaj ekkoni landojn kaj kulturojn vere de interne.

Mi estas je via dispono se vi deziras pliajn informojn. Se vi deziras verki artikoleton en via nacia revuo, mi pretas sendi al vi fotojn. Rilate la tekston vi povos ĉerpi dorse de la libro kiu prezentas la farmanieron de tiu unika vojaĝo.

Sincere via.
Bruno Robineau
Le Moulin Boireau
49270 Landemont – France
02 40 98 78 76
www.voyage-tourdumonde.com



informis Heather Heldzingen

# BookBox diras Dankon Nicole




Jen filmeto kiun BookBox ĵus afiŝis en Facebook :

https://www.youtube.com/watch?v=Bq01DJ4wI9g

Estas bone, ke iuj organizoj aprezas mian helpon.

Amike, Nicole



## Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?




Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? (Ankaŭ NZ kluboj)

## Vortoj de "Lernu"

### ROSTI



1. Kuiri manĝaĵon elmetante ĝin al varmego sur krado, sur trapikilo aŭ en kaserolo, uzante nek grason nek akvon:
Dum Kristnasko ni manĝos rostitan anseron.
En tendaro mi ofte rostis terpomojn super la fajro.
Manĝu la rostaĵon nur kiam ĝi plene rostiĝos.
La cepojn necesas nur subrosti.
Ĉi-matene mi manĝis rostpanon, rostitan per panrostilo.
2. Eligi varmegon:
Hodiaŭ varmege rostas la suno - ne iru eksteren.
Rostado de la suno sekigas la teron.
La malbona reĝo rostigis malamikojn sur fajro.

### RIKOLTI

1. Detranĉi kaj kolekti grenon aŭ iun vegetaĵon:
Jam venis tempo por rikolti grenon.
Estis tempo de rikolto kaj sur agroj laboris multaj rikoltistoj.
Rikoltmaŝinoj plirapidigas rikoltadon.
2. Amase kolekti iun ajn naturan produktaĵon:
Hodiaŭ ni rikoltis fungojn en la arbaro.
La rikoltaĵo estas abunda ĉi-jare.
3. Ricevi kiel rezulton de sia agado:
Kion vi semas, tion vi rikoltos.
Pro ŝiaj vortoj elkreskis vasta rikolto da kolero.



## Pri 3ZZZ radio

En la elsendo de la 15a de Februaro 2016 eblas scii pli pri la tre junaj membroj , kiuj fondis la 'Filipina Esperanto-Junularo' kaj pri radiestezo

Ĝojan auskultadon deziras al vi. Franciska Toubale